FONDEE en 1908 — 3e SERIE
36e ANNEE - No 251 - MARS 1968

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

# FRANCA ESPERANTISTO

U.F.E., 34, rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Téléphone : 770.55.03



Saintes-Maries-de-la-Mer, koro de Kamargo, kiun vi povos viziti okaze de la 60a Nacia Kongreso en Aix-en-Provence. (Foto Renaud, Saintes-Maries)

# FRANCA ESPERANTISTO

**OFICIALA ORGANO DE U.F.E. (Unuiĝo Franca por Esperanto)**
**34, Rue de Chabrol, Paris X<sup></sup>e - C.C.P. 855-35 Paris**

**Secrétariat :**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**Rédaction :**

M. **André RIBOT**, 11, rue P.-Vergne, 47 - MARMANDE. — Tél. 730.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

## Quelques-unes des personnalités françaises patronnant l'action d'information sur l'Espéranto

M. **Maurice GENEVOIX**, de l'Académie Française ;
M. **Jean ROSTAND**, de l'Académie Française ;
M. **Charles MAURAIN**, de l'Académie des Sciences ;
M. **Maurice FRECHET**, de l'Académie des Sciences ;
M. **Jean WYART**, de l'Académie des Sciences ;
M. **Charles CAMICHEL**, de l'Académie des Sciences ;
M. **Georges AURIC**, de l'Académie des Beaux-Arts ;
M. **Jean CHARBONNEAU**, général, de l'Académie des Sciences Coloniales ;
M. **Pierre ESCOUBE**, Conseiller-Maître à la Cour des Comptes ;
M. **Henri BAÏSSAS**, Inspecteur général (Ministère de l'Education Nationale) ;
M. **Paul MAUREILLE**, Inspecteur général (Ministère de l'Education Nationale) ;
M. **André ALLIX**, Recteur d'Académie ;
M. **Maurice BAYEN**, Recteur d'Académie ;
M. **Emile DELAGE**, Recteur d'Académie ;
M. **Paul DOTTIN** (†), Recteur d'Académie ;
M. **Paul GERVAIS**, Inspecteur principal (Service Académique Jeunesse et Sports) ;
M. **René COUTEAUX**, Professeur à la Faculté des Sciences ;
M. **André CAILLEUX**, Professeur à la Faculté des Sciences.

## FAKREVUO KUN INTERNACIA REPUTACIO ENKONDUKIS ESPERANTON

La germanlingva fakrevuo « Der Chemischreiniger und Färber », revuo pri purigado kaj tinkturado de teksaĵoj, teksaĵkemio kaj parencaj fakoj, ekuzis esperanton por povi alparoli pli vastan legantaron. Depost la komenco de ĉi-tiu jaro la fakartikoloj estas enkondukitaj per resumoj en esperanto en tiu revuo. Fakuloj el la supre menciitaj fakoj kaj esperantistoj kiuj povas interesi tiajn fakulojn mendu la revuon ĉe :

« Der Chemischreiniger und Färber »
Verlag Walther de Bouché
Elisabethstr. 36
D-8000 München 13 (Germanio)

La eldonejo korespondas esperantlingve. — Jarabono kostas germanajn markojn 40, —, kvaronjara abono gm. 10, —.

## LIBROSERVO « FEDERATION ESPERANTISTE DU TRAVAIL »

Provekzempleroj de « PACO », organo de M.E.M., libroj disponeblaj el Vjetnamio, Sovetunio, Germana Demokratia Respubliko, Ĉinio, k.t.p.... Tre malaltaj prezoj ! Por inf. sendu 0,30 F. al S-rino G. Roux, 47-Monflanquin.

## CONSEIL DU MOIS

**L'année 1968 s'avance et les projets se forment ; dans les familles, on prépare déjà les vacances d'été ; en ce qui vous concerne, avez-vous pensé à faire « quelque chose » pour l'espéranto et d'abord, à vous perfectionner en pratiquant la langue ou en allant à la Maison Culturelle de Grésillon pour passer l'examen au-dessus de celui que vous possédez déjà ? Dans ce numéro, vous trouverez le programme complet de Grésillon pour cette année ; choisissez et inscrivez-vous !**

**Dans vos groupes, il est bien temps aussi de penser à ceux et celles qui, cette année, iront à Grésillon pour passer un examen ; on se plaint souvent, et à juste titre, du manque de professeurs compétents ! N'oubliez donc pas que Grésillon a été créé en premier lieu pour former des espérantistes capables et actifs !**

## SOMMAIRE

# Oficialaj Komunikoj de U.F.E.

De nun aperos nova rubriko pri la oficialaj komunikoj de U.F.E. Ili esence entenos ĉiujn administraciajn komunikojn de la estraro kaj konsilio al la asocio, sed ankaŭ tiujn de la diversaj federacioj al siaj membroj : grava parto estos do la kurantaj korektoj al la Jarlibro.Provizore redaktos tiun rubrikon la prezidanto.

## *Modifoj kaj aldonoj al la jarlibro*

**Komisiitoj de U.F.E. :**

Bibliotekisto : S-ro Pierre Royer.
Komitatanoj A de U.E.A. : S-roj Guillaume, Rousseau, Thierry, S-ino Vincent.

**FEDERACIOJ**

**Centro-Okcidenta Fed.**

Pagu al : Fed. Cent. Ouest Centres Cult. Esperanto : C.C.P. Nantes - 30.00.79 Y

**Norda Fed.**

Kas. : F-ino Mireille Leclercq, 3, r. des Vergeaux, 80 - Amiens.

**Rodano-Alpa Fed.**

Kas. : F-ino J. Billiemaz, 40, Av. Henri-Barbusse, 69 - Villeurbanne.

**Sudfrancio-Pirenea Fed.** (Fédération Midi-Pyrénées pour l'Espéranto) (Jarlibro p. 15). Adr. : Centre Régional de Documentation Pédagogique (C.R.D.P.), 3, rue Roquelaine, 31 - Toulouse - 01.
Prez. : D-ro A. Albault, 32, Av. Et.-Billières, 31 - Toulouse - 03.
Sek. : S-ro T. Cristofol, 24, r. du Coin-de-la-Moure, 31 - Toulouse - 01.
Kas. : S-ro R. Pons, 31, r. du Maréchal-Clauzel, 09 - Pamiers.
Pagu provizore al : Société Toulousaine pour l'Espéranto, C.C.P. 1836.67 Toulouse.

**FRANCAJ REPREZENTANTOJ** (de internaciaj organizoj)

**Esperanto-Ligo Filatelista** (E.L.F.)

S-ro J.-A. Rousseau, 64, Av. Jean-Moulin, 75 - Paris - 14.
Kotizo (kun abono al « Verda Lupeo ») : 5 F.
Pagu al : S-ro Rousseau, C.C.P. 14.399.01 - Paris.

Nova tarifo de abono al « Espéranto-Actualité »

**abono por unu numero en**

| | por Francujo | por Eksterlando |
|---|---|---|
| 100 ekzempleroj | 17,50 | 21,50 |
| 50 ekzempleroj | 9,00 | 11,50 |
| 25 ekzempleroj | 5,00 | 6,50 |
| 10 ekzempleroj | 1,85 | 2,65 |

## *Reelekto de triono de la Konsilio*

(Kongreso en Aix-en-Provence)

1) El la elirantaj konsilianoj sin reprezentas jenaj personoj.

**D-ro ALBAULT André, okulkuracisto, Toulouse.**
U.F.E.-Konsiliano de 1955, Prezidanto de 1967. — U.E.A.-Estrarano de 1962 ĝis 1967. Iama redaktoro de « Kultura Mondo ». Direktoro de la Sekcio pri ĝenerala vortaro de la Akademio de Esperanto. Membro de la Franca Esperanto-Instituto. Kursgvidanto.

**ASQUERI Jean-Etienne-Edmond, oficisto ; Akademia oficiro, Romans (Drôme).**
U.F.E.-Konsiliano de multaj jaroj. Federacia Vic-Prezidanto, loka prezidanto. Kursgvidanto.

**BERNARD Roger, entrepren-direktoro, Bois-Colombes (Hauts-de-Seine).**
U.F.E.-Konsiliano de pluraj jaroj. Sekretario-Kasisto de la Akademio de Esperanto. Sekretario de la Franca Esperanto-Instituto. Tradukinto de « La Naŭzo », « La respektema P. », « Topaze », ktp.

**BOYET Fernand, direktoro de instruista seminario ; licenciato pri naturaj sciencoj, Angers (Maine-et-Loire).**
U.F.E.-Konsiliano kaj Vicprezidanto de 1967. Federacia Prezidanto (Rodano-Alpa 1953, Orienta 1958-65). Pedagogia organizanto de la « Paska Kultura Semajno de U.F.E. ». Prezidanto de G.E.E. (1957-60 kaj ekde 1967). Kursoj en instruistaj seminarioj (Valence - Angers).

**DETTWILLER Jean, inĝeniero ĉe ŝtata atomenergia komisiono ; kemio-inĝeniero, licenciato pri sciencoj. Grenoble (Isère).**
U.F.E.-Konsiliano de 1965. Federacia Vicprezidanto. Fondis kaj prezidis la lokan societon. Prezidanto de E-o fako kaj vic-prezidanto de Arta kaj Kultura Asocio ĉe la Atomnuklea Studocentro en Grenoble. Kunlaboranto de la revuo « Kemio Internacia ». Kursgvidanto.

**THIERRY Jean, Armand, fakinstruisto ; licenciato pri juro. Parizo.**
U.F.E.-Konsiliano de 1957 kaj vicprezidanto de 1967. Estis redaktoro de « Franca Esperantisto ». Konsiliano de Pariza Grupo kaj Federacio. Prezidanto de Franca Esperanto-Instituto. U.E.A.-Komitatano. U.E.A.-Komisiito ĉe Unesko. Kursgvidanto.

2) Listo de novaj kandidatoj ne atingis nin sufiĉe frue por esti enpresita en la nunaj oficialaj komunikoj.

Sekvo p. 173

# 60-a NACIA JUBILEA

## *Memoraĵoj de Niaj Pioniroj*

La Aix-a Kongreso estos ne nur la 60a sed ankaŭ la Jubilea, ĉar nia UFE estos ĉi-jare 70-jara ! t. e. la plej malnova E. Asocio, fondita en 1898 fare de s-ro Beaufront. Tiu okaze, ni petis de du multe laborintaj Pioniroj de tiu heroa — mistika — epoko, elvokaĵon de kelkaj memoraĵoj.

**S-ro Paul BOULET,** Sekretario de l'Organiza Komitato de la Unua Universala Kongreso en Boulogne-sur-Mer 1905 :

« La plej impona kaj okulfrapa manifestacio de tiu entuziasma kaj mistika spiritstato estas la Unua Universala Kongreso de Esperanto, organizita en Boulogne-sur-Mer en 1905 de la Komitato de la loka esperantista Grupo, tiam prezidata de la senkompara propagandisto Advokato Michaux, kies sekretario mi havis la honoron fariĝi. Nuntempe, mi verŝajne estas la unika postvivanto el la membroj de tiu Komitato.

« La Kongreso de Boulogne antaŭe estis grandzorge preparita, jam plurajn monatojn antaŭ la Kongreso, la urbo estis vere esperantigita, Speciala kurso estis rezervita al la komercistoj kaj ties helpantoj, por ebligi la montradon, ĉe la fenestregoj dum la Kongreso, de la etikedo ONI PAROLAS ESPERANTON. Krome, la esperantista standardo elektita de la loka Grupo kaj post propono de D-ro Zamenhof oficialigita de la Kongreso, la 9an de Aŭg. kiel standardon de la esperantista Movado, estis flirtigita en la ĉefaj stratoj de la urbo, antaŭ la malfermo de la Kongreso. Tiamaniere, alvenante al Boulogne, la gesamideanoj de la tutmondo ricevis la impreson eniri la veran ĉefurbon de Esperantujo.

« La Kongreso malfermiĝis sub la efektiva prezidado de D-ro Zamenhof. Dum la unua kunsido, la akcepto al D-ro Zamenhof kaj al lia admirinda parolado estis preskaŭ freneziga. Tiam ĉiuj gekongresanoj leviĝis kaj unuanime kantis la esperantistan himnon LA ESPERO. Ankaŭ ĉiuj aliaj kunsidoj tutkongresaj aŭ fakaj, okazis en vere emociiga kaj kortuŝa etoso. Mi devas speciale mencii la kunsidon dum kiu estis aprobita la « Deklaracio pri la Esenco de Esperantismo » proponita de D-ro Zamenhof kaj kiu, laŭ liaj propraj vortoj, devis « difini klare la principojn, kiujn por la bono de nia afero, ĉiu esperantisto devas observi, por ke ni ĉiuj laboru ĉiam tute konsente kaj ne tiru la aferon ĉiu al sia flanko ».

« Antaŭ la muzikaj kaj teatraj vesperoj — pri kies organizado mi persone zorgis, ricevis grandan sukceson, precipe la esperantigita prezentado de komedio de la fama franca klasikulo Moliere LA EDZIĜO KONTRAUVOLA ludita, en teatraj vestaĵoj, de dek neprofesiaj rolulojde naŭ diversaj landoj (mi rolis kiel Sganarelle). Tiu elstara prezento ricevis ampleksan aprobon kaj profunde impresis ĉefe la ĵurnalistojn, kiuj ĉeestis ĝin.

« Unuvorte la Kongreso de Boulogne okazis meze de ĝenerala entuziasmo. Inter la memoraĵoj de mia longa vivo, ĝi postlasis neforgeseblan impreson. La urbo Boulogne plej prave iniciatis eternigi tiun memorindan eventon donante la nomon « Doktoro Zamenhof » al unu el siaj publikaj placoj, proksime de la hejmo de Alfred Michaux, kie loĝis, dum la Kongreso, D-ro kaj S-ino Zamenhof.

« Mi tre ĝojas, ke la okazigo de tiu Kongreso en Aix estis por mi okazo revivigi antaŭ la novaj generacioj de esperantistoj, tiujn prestiĝajn momentojn de la internacia esperantista Movado de antaŭ pli ol unu duon-jarcento. Kiel konkludo, mi opinias necese citi la sekvantajn liniojn skribitajn de D-ro Zamenhof dum la Unua Kongreso :

Kion disigis ne unu miljaro,
Tion kunigis Bulonjo ĉe l'Maro ».

**S-ro Gabriel CHAVET**

## *Memorindato*

Kiam mi lernis Esperanton (en libertempo 1896), la malmultaj samideanoj estis dissemitaj en la tuta mondo kaj la sola ligilo inter ili estis la Adresaro publikigata periode de D-ro Zamenhof kaj tre utila por faciligi la interkomunikojn inter la Esperantistoj. Ĉar la ĉefa deziro de ĉiu nova aliĝinto estis trovi fremdan korespondanton por interŝanĝi leterojn, ĉar la vojaĝoj eksterlanden estis tre maloftaj. Kiam s-ro de Beaufront fondis la Societon por la Propagando de Esperanto en Januaro 1898, li povis publikigi ĉiumonate en la revuo « L'Esperantiste » la nomojn kaj adresojn de la aliĝantoj kiuj cetere venis de la tuta mondo, ĉar dum la komencaj jaroj de sia vivo, la Societo estis universala.

Sed tiuj dissemitaj samideanoj neniam havis la okazon interparoli en Esperanto kaj s-ro de Beaufront mem devis atendi ĝis la 28a de Novembro 1899 por paroli en Esperanto por la unua fojo, kun fremdulo ! Jen efektive tio, kion skribas S-ro René Lemaire studento de juro kaj juna industria firmestro, unua sekretario-kasisto de la So-

# KONGRESO de ESPERANTO

cieto por la Propagando de Esperanto, en la numero de Januaro 1900 de « L'Esperantiste », pri vojaĝo de samideano Postnikov, rusa inĝeniero :

« ... Kelkajn tagojn poste, S-ro Postnikov, traveturinte Belgujon, alvenis Parizon poste Epernay'on, kie li pasigis la tutan tagon 28-an de Novembro... la sola afero kiun mi volas montri sen pli da malfruo estas la rolo kiun plenumis Esperanto en tiu cirkonstanco. S-ro de Beaufront kaj mi ĝis tiam neniam parolis Esperante kun fremdulo ; ni eĉ ne ekzercis nin pri tio ĉi parolante unu kun la alia, kaj apenaŭ ni iafoje interŝanĝis kelkajn frazojn en la lingvo internacia. Tre scivole do ni atendis la alvenon de S-ro Postnikov. Ni bone sciis per la rakontoj de la esperantistaj vojaĝantoj, kiuj jam konstatis tion antaŭ ni, ke Esperanto mirinde plenumis sian rolon por la komunikoj parolaj, ni ne dubis... kaj tamen, la homo estas tiel farita, ke malgraŭ la plej fidindaj raportoj, ĝi vere kredas nur kiam ĝi estas tuŝinta, vidinta, aŭdinta — aŭdinta precipe, ĉar « tio estis la demando ! »

Nu ! mi povas nun atesti, ke, ne dum kelkaj momentoj kaj per kelkaj frazoj sensignifaj, sed *efektive dum pli ol dek du horoj, sur la strato, ĉe la tablo, en la salono, en nia esploro de la vidindaĵoj — nemultaj — de Epernay, pri la diversaj objektoj, S-ro Postnikov, S-ro de Beaufront kaj mi parolis esperanto senĉese, absolute facile, eĉ rapide.* Ni triumfis, mi konfesas, ĉar la atestantantoj ne mankis ; parencoj, amikoj estis tie, renkontis nin kaj povis konstati, ke ili estas kapablaj nur... silenti, ne povante komprenigi sin ; dum ni, kontraŭe, ne sciante, kiel ili, unu vorton de la lingvo rusa, sed sole per la helpo de Esperanto, ni povis interŝanĝi ĉiujn niajn ideojn, ĉiujn niajn pensojn kaj eĉ kelkajn nemalicajn ŝercojn pri la aŭdantoj mutaj kaj miregigitaj de nia interparolado. Ni povas do atesti, nun farinte mem la provon pri la Esperanto Parolata, ke tiu provo estis bonega, perfekta absolute decidiga, ke ĝi ne sole ne alportis la plej malgrandan dubon aŭ la plej malgrandan eltrompiĝon, sed kontraŭe plenumis kaj eĉ superis ĉion, kion ni povis esperi ! »

Hodiaŭ mil kaj mil Esperantistoj de ĉiuj landoj ofte renkontiĝas en kongresoj aŭ alie kaj interparolas en Esperanto. Ili certe ridetus, legante la naivan kaj entuziasman raporton de René Lemaire, sed mi opiniis oportune ĝin rememorigi okaze de tiu datreveno. Mi aldonas, ke en 1900 okaze de la granda Ekspozicio Universala, kelkaj fremdaj samideanoj venis Parizon kaj renkontis parizajn esperantistojn. Mi mem renkontis tiuokaze svedan esperantiston, D-ro Krikortz, kiu lasis al mi plej bonan memoron.

Gabriel CHAVET.

# Echos de notre soixantième congrès national

Nous avons le plaisir d'apprendre que Monsieur Jean Laporte, Préfet Régional de Provence, Côte d'Azur, Corse, a accepté d'être Président d'honneur de notre congrès.

Toutes les lettres postées à Aix entre le 1er et le 30 avril 1968 seront oblitérées avec une flamme mentionnant notre congrès et illustrée de l'image d'une des plus charmantes fontaines aixoises : la fontaine des Quatre-Dauphins. L'agglomération de notre ville comprend environ 100 000 habitants : nous ne doutons pas que ce geste aimable de l'administration des Postes et Télécommunications ne soit un excellent moyen de propagande pour notre mouvement.

Au 25 janvier, soit 15 jours à peine après la réception des bulletins d'adhésion, 121 congressistes étaient effectivement inscrits. Nous pensons dépasser largement le nombre de 200 que nous avions prévu.

Le vendredi 12 avril, à 20 heures, aura lieu un repas amical pour les premiers arrivants (Prix 12 F, vin et pourboire compris). La tâche du restaurateur serait facilitée si ceux qui ont l'intention d'y assister nous en informaient avant le 8 avril. Les convives paieront au moment même du repas.

Certains groupes ont prévu leur participation à la soirée récréative. Nous serions heureux de connaître la durée de cette participation.

Nous rappelons que notre 60e congrès coïncide avec le 70e anniversaire de la fondation de l'Union Française pour l'Esperanto.

A cette occasion, le comité d'organisation a fait appel à Messieurs Lapenna, Ralph Harry et Regulo Perez pour une soirée de conférences.

Selon la circulaire de Monsieur le Président Albault, toutes les fédérations voudront bien étudier les deux points suivants de l'ordre du jour du congrès :

— comment atteindre 2 000 membres ;

— organisation d'un concours national parmi les élèves des cours en 1968 — 1969, dont le premier prix serait un voyage gratuit à Helsinski en 1969.

Une session d'examens se déroulera durant le congrès. Les candidats devront en informer le secrétariat de l'Union Française pour l'Esperanto avant le 31 mars prochain.

Garrigue.

# ATTRAITS D'AIX-EN-PROVENCE

## *LE MUSÉE GRANET*

C'est en 1825 que furent installés dans le Prieuré de Saint-Jean de Malte l'Ecole de Dessin et ses œuvres d'Art, ainsi qu'une collection que la Ville avait acquise en 1821.

Après Frégier (1838), Granet léguait avec ses œuvres un admirable portrait exécuté à Rome par Ingres, et... en 1863, c'est un don de 600 tableaux des Ecoles hollandaise et française. Ce n'est donc pas à la sollicitude de l'Etat que le Musée des Beaux-Arts doit d'être l'un des plus riches de province.

En le visitant, on passe des primitifs de l'Ecole florentine aux Ecoles flamande et allemande, d'une exceptionnelle richesse. Dans l'Ecole française, on remarque les « Joueurs de Cartes » par le Nain (qui ont inspiré Cézanne), des toiles de Greuze, Fragonard, etc... Le XIXe siècle, c'est Ingres dont le Musée possède quatre toiles et enfin l'Ecole provençale, malheureusement sans une représentation digne de Cézanne.



Au rez-de-chaussée, à défaut de fragments romains nombreux, quelques vestiges celto-ligures de l'oppidum d'Entremont et de fort intéressantes sculptures.

Cet établissement est situé dans le quartier Mazarin qui anticipe sur les urbanistes modernes : une série de demeures bourgeoises comprenant maison de maîtres, jardins et communs est distribuée harmonieusement suivant des rues rectilignes se coupant à angle droit. A peu de distance du Musée s'élève la célèbre fontaine des Quatre-Dauphins, objectif no 1 des peintres de passage, tant de fois fixée également sur la pellicule avec l'Eglise Saint-Jean de Malte comme toile de fond.

## LE PAVILLON VENDOME

Bâti extra-muros, ce fut un haut lieu de la peinture au XVIIIe siècle et il est demeuré un musée très apprécié. Il est aujourd'hui en pleine agglomération, à proximité de l'Hôtel des Thermes. Les plans en sont dus à un maître maçon nommé... Matisse.

C'est le petit fils d'Henri IV, Louis de Mercœur, Duc de Vendôme, nommé Gouverneur de Provence, qui l'a fait édifier en « folie », à partir de 1665. Il avait pour ce faire un crédit de 20.000 livres, octroyé par les Communautés de Provence pour une maison sur le Cours.

Quand il fut veuf, la tradition prétend qu'il y recevrait la « Belle du Canet », veuve d'Honoré du Rascas, qu'il ne pouvait épouser, puisqu'il avait reçu la barette de Cardinal.

Après lui, le Pavillon sort de la famille et passe, par vente, à l'avocat général Gautier de la Molle, puis au peintre Van Loo, vers 1730. Plus tard, il est acquis aux Religieuses du Sacré-Cœur par un peintre, amateur d'art, Henri Dobler, qui le lègue à la ville.

Garni de meubles anciens et d'un ensemble imposant, il est orné en façade de deux puissants atlantes soutenant un balcon en ferronnerie d'origine et est ouvert au pubic aux heures habituelles des musées.

Au moment du Festival, un spectacle Son et Lumière au Pavillon Vendôme est chose particulièrement goûtée des visiteurs, des curistes, mais aussi des Aixois de longue ou de fraîche date.

# KAMARGO (CAMARGUE)

Proksime de Aix, Avignon, aŭ Arles, vi povos viziti la kuriozan regionon nomatan « Camargue » (Kamargo).

Ĉirkaŭata de la du brakoj de la Rodano (Rhône), tiu duontera, duonakva regiono sciis konservi proprajn karakterojn kaj tradiciojn. Lando tute ebena, konkerita el



la maro, ĝia grundo saturita de salo havas nur maldensan kreskaĵaron de salikornoj, saladeloj kaj tamarikoj. Tamen ĝi estas la kampo de la virbovoj kaj sovaĝaj ĉevaloj, kiuj vivas tie, la tutan jaron en tutplena libereco grupiĝintaj en « manades ». Ankoraŭ nun oni kalkulas kvindekon da « Manades » kiuj grupigas proksimume 6.000 virbovojn kaj 5.000 ĉevalojn gardatajn de vakeroj, kiujn oni nomas en Kamargo « gardians ».

Kiam oni traveturas Kamargon, estas malofte renkonti virbovojn. Fakte, ili vivas malproksime de la vojoj kaj bruo, en la koro de tiu sovaĝa lando, en la marĉoj, meze de la kanoj. Brutaro sin paŝtas sur vastaj terenoj de 3.000 hektaroj proksimume ; dum la jaro la brutaro migras de unu paŝtejo al alia malproksima je 30 aŭ 40 kilometroj. Tial la vakeroj, kiuj gardas la bestojn, ĉiam vojaĝas rajdante ĉevalojn, tiujn ĉevalojn blanke-grizajn, kiuj, kvankam dresitaj, ĉiam restas duone-sovaĝaj. En tiu regiono kaj la najbaraj, la virbovo estas reĝo ! De marto ĝis oktobro oni organizas en urboj kaj vilaĝoj kuradojn al kokardo.

Tiu populara ludo havas tre malnovan devenon ; eble ĝi naskiĝis en la antikva Kreto, sed havas nenion komunan kun la hispana taŭroludo. Dum ĉiu kurado 6 virbovoj sinsekvas en la areno ; iliaj kornoj estas ornamitaj de « kokardo » kaj glanpendaĵoj el ruĝa lano ; tiuj-ĉi estas precize la ludcelo de la kurado. Junuloj, kiujn oni nomas « razeteurs », provas dum la tuta ludo forŝiri la kokardon kaj la glanpendaĵojn. La ludo estas vigla, pasiiga ĉar la taŭro, kiu kutimas tiun ludon lerte defendiĝas. Kelkfoje valora virbovo finas la kuradon konservinte siajn glanojn ; ĝi estas tiam honorigata de la ario de Karmena.

Sed vi ne forlasos Kamargon ne vizitinte ĝian ĉefurbon : La Sanktaj-Marioj-ĉe-Maro (Les Saintes-Maries-de-la-Mer).

Tiu urbeto povus esti nur simpla banloko, sed ĝi estas pli ol tio ! Legendo asertas ke la Sanktaj Virinoj, Maria Jakobe kaj Maria Salome fratinoj de la Virgulino albordiĝis tien, akompanataj de sia fidela servistino Sara. Ĉiujare, la 24 an de majo, la Ciganoj venintaj el ĉiuj partoj de Eŭropo fakte kolektiĝas ĉi-tien por honori sian Sanktulinon, Sara la Epiptanino. Estas grava pilgrimado, dum kiu la statuoj de la du Maria en barko, de Sara sur sia floso, iras al la maro, portataj sur la ŝultroj de la fervoraj Ciganoj. Antaŭe rajdas la vakeroj, malantaŭe sekvas la pastraro gvidata de la episkopo mem. Se vi ne havas bonŝancon partopreni tiun pentrindan kaj kolorriĉan feston eble unikan en la tuta mondo, tiam almenaŭ vizitu la fortikigitan preĝejon. En la kripto regas Sara la nigra, kovrita de silkaĵoj kaj vitraĵetaroj kaj fervore kultata de ĉiuj Ciganoj. Supre la kristana preĝejo kun sia antikva puto ŝirmas la relikvojn de la Sanktulinoj. Fine en la tria etaĝo, en la kapelo kaj sur la teraso, vi memoros pri Mirejla, kiu venis tien por morti, Mirejla, heroino de la teatraĵo de Mistral, muzikigita de Gounod, Mirejla, kiu mortis pro tro granda amo.

Vi vizitos ankaŭ la zoologian kaj botanikan parkon, kiu etendiĝas sur 1.500 kektaroj. Tie vivas, ŝirmitaj kontraŭ la homoj, fenikopteroj ardeoj kaj diversaj bestoj. Estas por ili la lasta rifuĝejo en la limo de nia maljuna Eŭropo antaŭ la longa vojaĝo al Afriko.

Kaj, sur la vojo de la reiro, kiam vi traveturos la rizkampojn, tiun novan riĉajon de Kamargo, lasante malantaŭ vi la maron kaj tiun landon ankoraŭ duone sovaĝan, vi baldaŭ ekvidos la blankajn domojn de Arles, tiu fidela koro de Provenco... Arles, kie Van Gogh malkovris la sudan lumon kaj pentris la fragilajn florojn kaj la turmentitajn cipresojn de tiu alloga Provenco...

S. HUMM - L. PERRET.

---

### NEPRE NE KONFUZU !

Dum la Paskaj Ferioj, okazos en Aix-en-Provence la 60a Nacia Kongreso de Esperanto, pri kiu ni jam plurfoje parolis al vi (ankaŭ en tiu numero) kaj al kiu vi certe jam aliĝis.

Sed en tiu sama urbo okazos de la 13a ĝis la 20a de Aŭgusto la Tria Kongreso de la Studenta Tutmonda Esperantista Ligo (S.T.E.L.O.), kies programo estas ja alloga : interkona vespero, komitatkunvenoj, distra vespero, balo, oratora konkurso kaj pluraj ekskursoj. La aliĝoj estas jam nun sendeblaj al Cercle des Etudiants Espérantistes Poŝtkonto 4721-42 Marseille ; ĝis la 31a de Marto, ilia prezo estas : 130 F. por STELO-anoj kaj 140 F. por ne-membroj.

# Kontraŭ lingva diskriminacio



La Jaro de Homaj Rajtoj 1968 signifas por Universala Esperanto-Asocio kaj, principe, por ĉiuj landaj kaj lokaj organizaĵoj, kiuj konsistigas la universalan : novan elpaŝon en la publikan atenton. Okaze de tiu ĉi Jaro, nome, UEA deklaris militon — — « Por la Internacia Lingvo, Kontraŭ Lingva Diskriminacio ». Kiel resumas tiu slogano (kiu, cetere, aperas sur ĵus eldonita speciala glumarko por la Jaro de Homaj Rajtoj), UEA daŭre pledos por Esperanto, kiel ĝis nun, sed samtempe ankaŭ eliros kaj atakos tiun lingvan diskriminacion, tiun maljustecon de la monda lingva situacio, kiun ĝis nun ĝi nur pasive registris.

Dum, unuflanke, la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj, subskribita antaŭ 20 jaroj jam, garantias interalie, ke « ĉiuj rajtoj kaj liberecoj validas same por ĉiuj homoj, sen kia ajn diferencigo laŭ lingvo », aliflanke oni vidas neniam malpliiĝon de la lingva diskriminacio tra la mondo. Ankoraŭ la grandaj lingvaj potencoj investas malavare sian kapitalon en disvastigo de siaj lingvoj, sciante, kiom da avantaĝoj ekonomiaj kaj politikaj ili el tio rikoltos. Ankoraŭ ni aŭdas, el plej eminentaj buŝoj, asertojn pri la « superaj kvalitoj » de tiu aŭ alia nacia lingvo kaj malestimajn rimarkojn pri aliaj lingvoj — ne malofte ankaŭ pri la Internacia. Ankoraŭ ĉiam la lingvoj de nacimalplimultoj politike senfavoraj premiĝas sub la botoj de pli grandaj popoloj.

Kiom da popoloj ankoraŭ ne rajtas eduki siajn infanojn per la propra gepatra lingvo, kvankam nenio objektiva tion malhelpus ? En kiom da lingvoj oni eĉ ne rajtas eldoni ĵurnalon aŭ gazeton ? Kiom da homoj ankoraŭ estas kondamnataj en kortumo en lingvo, kiun ili ne komprenas, post proceso, kiun ili lingve ne povis sekvi ? Kiom da homoj sidas en karceroj diverslandaj nur pro tio, ke ili publike pledis por la rajto, uzi sian propran lingvon ? Kiom da homoj restas civitanoj « malpli-valoraj » kaj ne povas antaŭeniĝi en la socio pro tio, ke ili ne parolas la « ĝustan » lingvon ?

Tre multaj. Kaj multaj estas ankaŭ la homoj, kiuj suferis persekutojn aŭ areston nur pro tio, ke ili uzis la Internacian Lingvon. Tre multaj estas la libroj kaj gazetoj Esperantaj, kiujn konfiskas la cenzuroj de tiu aŭ alia lando, jam nur pro la lingvo. En pluraj landoj ankoraŭ hodiaŭ ne povas ekzisti Esperanto-organizaĵoj, kvankam, laŭ la Universala Deklaracio, « ĉiu havas la rajton je libereco de pacema kunvenado kaj asociiĝo ».

Laŭ sia Statuto, UEA « estas neŭtrala rilate al... sociaj problemoj ». La lingva problemo, tamen, laŭ la plej baza senco de la tuta Esperanto-movado, estas unu socia problemo, pri kiu UEA ne povas esti neŭtrala. Toleri la subpremadon de tiu aŭ alia nacia lingvo, eĉ en landoj, kie estas ankoraŭ nenia persekuto kontraŭ Esperanto, signifas akcepti principe ankaŭ la subpremon de Esperanto.

La Jaro de Homaj Rajtoj donas perfektan kadron por la lanĉo de tia kampanjo kontraŭ lingva diskriminacio. Por tiu Jaro UEA preparis detalan planon de agado (1). Ĝi jam presigis la 3-an eldonon de la Universala Deklaracio en Esperanto, jam komencis publikigi en la revuo « Esperanto » artikolojn pri lingva diskriminacio kaj aparte emfazas lingvajn rajtojn en sia gazetara servo. La Centro de Esploro kaj Dokumentado (CED) publikigos en la serio de siaj dokumentoj detalajn studojn pri konkretaj aspektoj de lingva diskriminacio kaj, komencante mem la Tagon de Homaj Rajtoj (la 10-an de decembro 1968) aŭspicios novan plurlingvan revuon sub la titolo « La Monda Lingvo-Problemo ». Nek UEA nek CED hezitos nomi la landojn, la popolojn, eĉ la personojn, pri kiuj temas. Similan internacian agadon por la lingvaj rajtoj de la homo neniu alia instanco ĝis nun entreprenis, kaj neniu organizaĵo povas pli rajte tion fari, ol ĝuste UEA.

Se ankaŭ vi volas kunbatali por la lingva egaleco, donu vian moralan, financan kaj praktikan helpon al UEA (2) jam en tiu ĉi Jaro de Homaj Rajtoj 1968.

Redaktoro de « Esperanto » :
Victor SADLER.

(1) Vidu la decembran numeron de « Esperanto », 1967, p. 169.
(2) Almenaŭ per aliĝo kiel Membro-Abonanto (kun la revuo « Esperanto » kaj la Jarlibro). Kotizo por plenaĝuloj 35 fr., pagebla per UFE.

# OFICIALA KOMUNIKAĴO DE LA AKADEMIO

Petite de la Germana Esperanto-Asocio (DEB) « solvi la problemon de la pasivaj participoj laŭ Zamenhof », kaj de la unuanima Komitato de UEA « kiel eble plej baldaŭ » difini tiun solvon;

Samtempe konsultite de la Unuiĝo Franca por Esperanto (UEF) kaj de la Esperanto-Unuiĝo de Germanaj Instruistoj (EUGI) pri la ĝusta senco de kvar tipaj frazoj, kiaj povas troviĝi en diplomatia, jura aŭ politika dokumento, nome :

1. « Ni garantias, ke la domoj detruitaj dum la milito estos rekonstruataj en 1970» = do la garantiantoj estos kvitaj :

a) se en la daŭro de 1970 oni komencos kaj daŭrigos la rekonstruadon;
b) nur se en la daŭro de 1970 oni finos la rekonstruadon.

2. « Mi promesas, ke mia ŝuldo estos pagita la 9-an de Majo » =

a) la ŝuldanto senŝuldiĝos la 9-an de Majo;
b) la ŝuldanto senŝuldiĝos plej malfrue la 8-an de Majo.

3. « Ni asertas, ke la aŭtomobilo de sro X estis efektive riparata la lastan samajnon » =

a) la lastan semajnon oni efektive okupiĝis pri la riparado de la aŭto;
b) la lastan semajnon oni efektive finis la riparadon.

4. « Via propono estis unuanime akceptita la 3-an de Junio » =

a) oni akceptis la proponon la 3-an de Junio;
b) oni akceptis la proponon antaŭ la 3-a de Junio.

la Akademio, per 26 voĉoj el 31 voĉdonintoj (kaj 6 kromaj blankaj voĉdoniloj) decidis kaj deklaras, ke en ĉiu el tiuj frazoj nur la senco A estas konforma al la tradicia lingvouzo de Zamenhof, kaj ke ĉia alispeca interpreto estas neoficiala. Tiu decido cetere nur konfirmas kaj kompletigas la rezulton de la voĉdono farita de la Akademio en Julio 1965 pri la senco de la pasivaj participoj en la Fundamento.

Ĉia eblo de dusenceco en la uzo de tiuj participoj estas do forigita per ĉi tiu decido kaj ni esperas, ke la aŭtoroj de la lernolibroj de nun konsideros la ĉisuprajn modelajn frazojn en la senco aprobita de la Akademio.

La 25-an de Novembro 1967.

*Prezidanto* : G. Waringhien.
*Vicprezidantoj* : P. Neergaard, A.D. Atanasov.
*Sekretario* : R. Bernard.
*Direktorio de la Gramatika Sekcio* : D.B. Gregor

---

# 52-a Universala Kongreso de Esperanto
# Madrid, 3-10 Augusto 1968

Alta Protektanto : Ĉefgeneralo Fr. Franco, Ŝtatestro de Hispanujo.

Konstanta Adreso : Nieuwe Binnenweg, 176, Rotterdam-2, Nederlando.

OFICIALA KOMUNIKO

N. 6 Rotterdam, la 30-an de jan. 1968.

*Dua Bulteno.* — Ekde februaro ĉiu aliĝinto ricevas la Duan Oficialan Bultenon. En ĝi troviĝas krom ĝeneralaj informoj pri la Kongreso, la mendiloj por loĝado, ekskursoj, bankedo, k.t.p. La Loka Kongresa Komitato povas plenumi la mendojn de la Kongresanoj nur se tiuj estas faritaj pere de la mendiloj troviĝantaj en la Dua Bulteno.

*Limdato.* — Ni atentigas ke la lasta limdato por aliĝo al la Universala Kongreso estas la 25-a de junio 1968. Post tiu dato aliĝoj ne plu estas traktitaj kaj la aliĝkotizo restos je dispono de la paginto. En esceptaj kazoj LKK rajtas akcepti aliĝojn dum la kongresa semajno, sed tiam la aliĝanto devas krompagi la sumon de 25. — ned. gld., sendepende de la kotiza kategorio. Por aliĝantoj dum la Kongreso LKK ne certigas la liveron de la kongresaj dokumentoj.

*Oratora Konkurso.* — La temoj ĉi jaraj estas jenaj :

a) Ĉiuj homoj estas denaske liberaj kaj egalaj laŭ digno kaj rajtoj (Art. 1 — Un. Dekl. Homaj Rajtoj);

b) Egaleco de seksoj en la Un. Dekl. de Homaj Rajtoj;

c) La fenomeno de « Florinfanoj ». Alia temo decidota.

*Ekskursoj.* — Okazos tri samtempaj tuttagaj ekskursoj al Toledo, Segovia kaj « El Escorial ». Detaloj en la Dua Bulteno.

*Loĝiga Servo.* — Por la kongresanoj estas rezervitaj lokoj en diverskategoriaj hoteloj. La prezoj varias de 9. — ned. gld. (en moderna studenta loĝejo) ĝis 40. — ned, gld. (en luksa hotelo). Detaloj en la Dua Bulteno.

*Ĝeneralaj Kunvenoj.* — Dum la Kongreso okazos du ĝen. Kunv. de UEA el kiuj unu havas kiel temon : « Kulturaj rajtoj kaj lingva diskriminacio laŭ la Un. Dekl. de Homaj Rajtoj ».

*Foto-Konkurso.* — La limdato por la sendo de konkursaĵoj estas fiksita je la 1-a de julio 1968.

*Statistiko* (je 30.1.1968). — Arg. 1, Aŭstral. 4, Aŭstr. 9, Belg. 24, Braz. 4, Brit. 59, Bul. 23, Ĉeĥ. 11, Danl. 17, Finnl. 11, Franc. 127, Germ. 42, Grek, 1, Hisp. 224, Hongkongo 2, Hung. 12, Isl. 2, Isr. 5, Ital. 42, Jap. 11, Jug. 59, Kan. 3, Meks, 2, Mon. 4, Ned. 40, Norv. 9, Nov-Zel. 1, Poll. 15, Port. 14, Sovet. 1, Sved. 24, Svis. 5, UAR 1, Urugv. 1, Usono 21. Entute 831 aliĝintoj el 35 landoj.

G. G. Pompilio.
Konstanta Kongresa Sekretario.

# Esperanto et Culture

Oficiala organo de G.E.E.

**Redaktas : S-ino Vincent, rue des Oiseaux, 27 - Les Andelys**

Materialon por « Esperanto et Culture » oni sendu antaŭ la 5-a de la antaŭa monato


REZULTO DE LA NACIA ENKETO :

Alvenis entute 61 respondoj el 28 departementoj. Inter ili respondis 29 geinstruistoj. 33 homoj havas la diplomon « Atesto pri Kapableco ». Nur 4 posedas la « Pedagogia Atesto »-n. La plej multo el la respondintoj jam instruis Esperanton kaj 48 estas pretaj instrui ĝin en lernejo.

RIMARKOJ :

La ĉi supra statistiko reliefigas, ke relative malmultaj homoj havas la minimuman necesan instrudiplomon, t.e. « Atesto pri Kapableco ». Al tiu diplomo, ne instruisto devas aldoni la « Pedagogia Atesto »-n por havi la rajton instrui en lernejo. Ni devas nun serioze konsideri la eventualecon de oficialigo de la Esperanto-instruado kaj bone konscii pri la neceso havi sufiĉe altan lingvokonon. La sola rimedo por ĝin kontroli estas zorge prepari kaj provi la diversgradajn ekzamenojn.

Ne diru : « Mi ne povas studi sola, mi ne havas eblecon trapasi la ekzamenojn ». Ekzistas ja tre bona perkoresponda kurso ĉe U.F.E., 34, rue de Chabrol, Paris Xe, kaj en Grésillon, oni povas trapasi kvar ekzamenojn : Atesto pri Lernado, Atesto pri Supera Lernado, Atesto pri Kapableco, Pedagogia Atesto, inter la 1-a de julio kaj la 10-a de septembro. Ek al la laboro, studu kaj perfektiĝu -

## *Nia Amiko,* Robert Buerick, ĵus Ricevis la honormedalon de l'Akademio de l'Nacia Sindonemo

Multaj el niaj membroj ankoraŭ memoras pri la lastjara Nacia Kongreso de E° senriproĉe planita de S-roj Buerick, Bonvoisin kaj Ditacroute. Sekve, ni speciale ĝojas, ĉar hodiaŭ ni povas informi vin, ke S-ro Buerick Prezidanto de la Kalesa E. Klubo ricevis la ĝustan rekompencon por sia meritplena agado sur la E. kampo. Nia tuta granda familio esprimas al li siajn gratulojn kaj dankon pro la bonega laboro de li plenumata en tiu bela nordfranca urbo.

**KOTIZOJ U.E.A.** Modifu jene :

Modifu jene :

| | |
|---|---|
| Kotizo MS | 52,50 F. |

**ABONOJ AL REVUOJ**

Modifu jene :

| | |
|---|---|
| La Praktiko | 17,00 F. |
| Heroldo de Esperanto | 21,00 F. |

**LIBRO-SERVO**

Modifu jene :

| | |
|---|---|
| Ni parolu en Esperanto | 5,00 F. |
| Plena Gramatiko (nur Vol. II) | 19,00 F. |
| Vivo de Zamenhof | 7,00 F. |
| Privilegia Vojo | 5,00 F. |
| La naŭzo (nur broŝurita) | 16,50 F. |
| De Parizo al Pirenea Montaro | 2,00 F. |

**COURS SUPERIEURS**

| | |
|---|---|
| Por la Praktikantoj | 8,50 F. |

**FONDUSO ESPERANTO-DOMO**

**7-a listo**

| | |
|---|---|
| S-ro Feneyrol | 25,00 F. |
| S-ino Nuidan | 15,00 F. |
| Anonimulo JV | 100,00 F. |
| S-ro Debest | 20,00 F. |
| S-ro Hullin | 28,00 F. |
| Sumo de la 7-a listo : | 188,00 F. |
| Sumo de antaŭaj listoj : | 6.132,00 F. |
| Nova sumo : | 6.320,00 F. |

Korajn dankojn al ĉiuj donacintoj !

# VIVO DE LA GRUPOJ

## PARIZA FEDERACIO DE LA ESPERANTISTAJ KULTURKLUBOJ

La Federacia Kongreso okazos la 3lan de Marto en Salle des Arts Saint-Germain-en-Laye. Vi povos facile partopreni, ĉar trajnoj forveturas ĉiun duonhoron, de la Stacidomo St-Lazare. Vian aliĝilon tuj sendu al la Kasisto : J. ROUSSEAU Poŝtkonto 14-399-01 Paris (aliĝo + manĝo : 13 frj — nura aliĝo : 2 frj).

## FEDERACIO RHONE-ALPES

La kongreso de la federacio Rhône-Alpes okazos en Vienne Dimanĉon la 31 an de Marto, en la Salono de la Komerca Ĉambro. La festomanĝo en « Restaurant du Commerce », Route Nationale, 69 - Sainte-Colombe-les-Vienne.

Sabate 30 an de marto posttagmeze okazos kunveno de la respondeculoj.

## NORMANDA FEDERACIO

En Lisieux, la 11-an de februaro, okazis ĝenerala kunveno por restarigo de la normanda federacio. Ĉeestis aŭ estis reprezentitaj trideko da normandaj gesamideanoj. Post tre agrabla tagmanĝo en la stacidoma restoracio, ni kunvenis en la moderna junulardomo. La statutoj estis unuanime akceptitaj kaj la voĉdono donis la jenan rezulton : prezidanto S-ro Jouis, el Rouen ; vic-prezidantino, Sino Lavallée, el Le Havre ; sekretario, S-ro Pottier, el Yvetot ; kasistino, S-ino Vincent, el Les Andelys ; membroj, S-ino Rocques kaj S-ro Leconte, ambaŭ el Lisieux.

S-ino Lavallée reprezentos la normandan federacion en Aix-en-Provence.

## LES ANDELYS

L'Assemblée Générale annuelle du Centre Culturel et d'Amitié Internationale Zamenhof s'est ouverte samedi 3 février à 18 heures, à la mairie, sous la présidence de M. Graffin. Après avoir observé une minute de silence en hommage à Me Delarue, membre bienfaiteur, les assistants passèrent à l'ordre du jour : le rapport moral, présenté par Mme Vincent, puis le rapport financier, présenté par M. Graffin, furent approuvés à l'unanimité. Après avoir rappelé les différentes activités du Centre Culturel en 1967 (cours d'Esperanto, accueil d'étrangers, conférences, voyages en Espagne, aux Pays-Bas et à Grésillon) on présenta les projets pour 1968, entre autres un voyage collectif au 4e festival d'art international à Madrid en août prochain et la mise sur pied d'un service de traduction pour aider le tourisme local. Après renouvellement du tiers sortant, le bureau pour l'année 1968 se trouve ainsi constitué : présidente, Mme Vincent ; vice-présidentes, Mmes Blanchard et Bonnet ; secrétaires, Mlle Bonnet et M. Rouen ; trésoriers, MM. Graffin et Monnier ; membres du bureau, Mlles Robin et Graffin.

## NIMES

La urbestraro laŭ nia peto donis la nomon de D-ro Zamenhof al strato de nova kvartalo de nia urbo : Quartier du Chemin Bas d'Avignon.

La Kultura Esperantista Rondo intencas aranĝi solenan inaŭguron de tiu strato la Dimanĉon 5an de Majo.

Ĉiu esperantisto, kiu trapasos nian regionon en tiu tago estas kore invitata ĉeesti tiun ceremonion (je la 10a).

La Turisma Oficejo ĵus eldonis esperantan dokumenton pri la urbo, fama pri romiaj monumentoj.

Bonvolu peti sendon (senpage) al Syndicat d'Initiative, 30 - NIMES.

## PONTARLIER

La 12an de Januaro, s-ro Turin, tiea UEA-Delegito parolis pri Esperanto en la licea klubo de Unesko ; ĉeestis 25 gejunuloj kaj ilia profesoro s-ro Malfroy. La preciza temo estis : Komunaj celoj de UEA kaj UNESKO. La montritaj dokumentoj : broŝuro Oriento kaj Okcidento, turismaj prospektoj kaj la esperantaj afiŝoj pri la Homaj Rajtoj. Tiu renkonto daŭris unu horon kaj oni invitis s-ron Turin al alia kunveno de la grupo, kiu okazos verŝajne post unu monato.

## TOURS

Ĉi-jare funkcias en Tours, tri kursoj ; du unuagradaj kaj unu supera. Unu okazas en la « Hejmo de l' Fervojisto » gvidata de S-ro Aude, la alia en la Komerca Ĉambro, instruata de S-ro Boulmer. La supera kurso okazas ĉe la sidejo de la Grupo, sub la gvido de S-ino Aude. Du vesperoj ĉiumonate estas dediĉitaj al kunveno kun amikaj debatoj, kantoj, distrajoj. Ilia celo estas efektiva proktikado de la lingvo, nur esperanto estas permesata dum tiuj kunvenoj.

Dank' al iniciato de unu el niaj membroj, S-ro Marchand, urba konsilanto en Joue-lès-Tours, urbeto en la industria zono de Tours, funkcias elementa kurso en la « Sociala Centro» de tiu urbeto. Gvidas ĝin S-ro Pannier.

## AGEN

Kurso komenciĝis ĉi jare sub la aŭspicioj de la Laika Amikaro kaj gvidata de s-ro Ribot. Kvin personoj regule ĉeestas, sed ĝis nun, malgraŭ pluraj klopodoj, la gejunuloj montriĝas neinteresataj.

## MARMANDE

La Grupo kunvenas ĉiuĵaŭde, kun 6-8 membroj ; krome, 8 gelernantoj eklernis la lingvon en novembro kaj jam trovas intereson en ĝia praktiko. En Marto, nia Grupo kunlaboros kun la Kultura Centro por aranĝi belan Ekspozicion : « Aspektoj kaj vizaĝoj de Eŭropo ».

## LILLE

Esperanto-tago okazos dum la internacia foiro de Lille (27.IV. - 12.IV.68). Informas Norda Gazeto, 25, rue Gambetta, 62 Noyelles-Godault.

## ROUBAIX - TOURCOISG

Por vigligi la klubajn kunvenojn, la geesperantistoj de la « ĝemelurboj » decidis inviti gastojn el kvin landoj. La membroj unuanime elektis la komitaton por 1968 : M. Delcourt (prezidanto) ; A. Vinckier (vic-prezidanto) ; L. Giloteaux (sekretariino) ; C. Martins (turisma servo). La loka gazetaro regule raportas pri esperanto kaj la du urbaj bibliotekoj posedas librojn en la internacia lingvo. Krome, la revuo ELAN — 31, rue Foch, 59 - Ainselles — publikigas ilustritan E-kronikon

Gajnis la konkursojn Sroj L. MEE (anekdotoj) kaj M. Delcourt (traduko de la mesaĝo de Jean Rostand).

# Profesoro Alfred KASTLER, Nobelpremiito pri Fiziko Honora Prezidanto de la Kultura Esperanto Centro de GUEBWILLER

Okaze de la akcepto en la urbodomo de Guebwiller de la partoprenantoj en la Internacia Esperanto Kunveno (2an kaj 3an de septembro), Sro E. Wermelinger, en ĉeesto de la Sub-Prefekto de Guebwiller, de la Vic-urbestro, de diversaj lokaj eminentuloj kaj de ĉirkaŭ 50 samideanoj, anoncis oficiale, ke Profesoro Kastler akceptis la honoran prezidantecon de la ĵus kreita esperanto-centro de sia naskiĝurbo.

Alfred Kastler, kvankam ne estante esperantisto, jam delonge konatiĝis kun la lingvo. Antaŭ 30 jaroj, li ĉeestis prelegon de F-ino Zamenhof, en Bordeaux, kaj li bone rememoras ke ŝi tre brave diris france : « Quand deux ânes de pays différents se rencontrent, ils se comprennent ; il devrait, à plus forte raison, en être de même pour les hommes ». Sed Profesoro Kastler pli bone ekkonis esperanton dank' al lia « Majstro » : S-ro Profesoro Aimé Cotton, tre fama fizikisto kaj ankaŭ tre fervora samideano.

Al S-ro Wermelinger, li sendis la libron « Aimé Cotton — l'optique et la Magnéto-optique par Eugénie Cotton — Edition Seghers Paris 1967 » kies antaŭparolon li skribis. En la libro, ofte la vorto « esperanto » revenas kaj eĉ fina ĉapitro strebas varbi interesulojn por nia lingvo ! Tre taŭga libro por nuntempaj sciencistoj aŭ sciencemuloj.

La apogo al esperanto de tia eminentulo, kia estas S-ro Kastler, nur povas generi fruktodonajn rezultojn por la varbagado, kaj tio jam efektiviĝis en Guebwiller, kie la lokaj gazetoj tre favore kaj fervore raportis.

Parte, ni ŝuldas tiun sukceson al F-ino Horrenberger Emilie el Guebwiller, estrarino de la Kultura Centro ; ŝi estas granda amikino de Profesoro Kastler, kaj per ŝi ni atingis lin. F-ino Horrenberger estis, jam antaŭ la milito, tre aktiva esperantistino kaj sekretariino de la francaj esperantistaj instruistoj. .

E. Wermelinger.

# Esperanto, lingvo de Eŭropo ?

Louis Leprince Ringuet ĉiumonate disponas kvaronhoron en la franca nacia televidado : antaŭ nelonge, li intervenis per tre interesa diro. Oni certe scias ke L. Leprince Ringuet estas unu el niaj plej puraj sciencistoj, pro tio li parolis pri scienco : li anoncis, ke la nova rusa partiklo-akcelilo ekfunkciis je la preciza datreveno de la oktobra Revolucio : tiel revolucio de la partiklo eĥas al revolucio de la homo.

« Kiel utilas tiujn partiklakceliloj ? » demandis la intervjuanto Pierre Desgraupes. « NENIEL ! pro tio la rezultoj ne estas sekretaj, sed kontraŭe publicotaj, kiel ni Eŭropanoj publikigas la niajn, obtenitajn de nia komuna akcelaparato en ĜENEVO. Ni povos iri al Ruslando por vidi kaj labori per tiu pli potenca aparato, kiel jam Rusoj venis kaj laboris ĉe ni. Post 4 jaroj la Usonanoj ekfunkciigos ankoraŭ pli potencan akcelilon kaj surtretos la antaŭan lokon sur la monda podio, kaj ni Eŭropanoj, jam havas en programo la sekvontan ankoraŭ pli potencan akcelilon ol la Usonanoj jam por post sep jaroj : ĝi ja estas aprobita jam de Francujo, de Britujo, kaj sendube ankaŭ de Germanujo ».

« Kial tiu kurado al la ĉiam pli potencaj aparatoj ? »

« Tiuj aparatoj neniel *praktike* utilas, sed ili ebligas malkovri la sekretojn de la konsisto de la Materio, do antaŭenigi la puran sciencon pri kio okupiĝas la plej eminentaj sciencistoj, kaj tiuj eminentaj sciencistoj avidas tiujn kostajn ludilojn por ludi kaj altigi sian propran kulturcelon. Se ni Eŭropanoj ne posedus tiujn ludilojn, la eminentaj scienculoj, kiuj ilin nepre deziras, elmigrus al USONO, kaj ni fariĝus frue malfrue vasaloj de Usono. Sur scienca, sed ankaŭ sur ekonomia kaj industria tereno, ni ne plu estus io alia ol kolonioj. Pro tio Eŭropa unuiĝo estas nia sola ŝanco, nia sola eblеco postvivi neperdinte nian propran esencon ! »

Mi ĉi-supre provis redoni almenaŭ la signifon de la dum 15 minutoj elsendo-diritaĵoj. Al tiu interparolado mankas konkludo-dedukto, ĉu pro la troa mallongeco de la donita tempo, ĉu pro manko de reagemeco al certaj prublemoj, ĉu ĉar tiuj problemoj oni opiniis memevidentaj ? Kia ajn estu la kialo, kiel ĉiu-ajn, mi rajtas elmelki la necesajn konkludojn por tiel bone elmetita premiso de tiel kompetenta Fakulo : pro vivdanĝero Eŭropo nepre unuiĝos kaj kunlaboros. Sed unuavide kio estos tiu Eŭropo : Francujo, Germanujo, Italujo, Benelukso, sed ankaŭ Britujo, Svisujo, Hispanujo, Skandinavio, eble slavoj (Jugoslavoj). Sed tiuj ŝtatoj aŭ ŝtatgrupoj jam multnombraj reprezentas ankoraŭ pli multnombrajn lingvojn : por tiuj Eŭropanoj devigatai pro la premcirkonstancoj labori ne nur kune sed samtakte kaj samspire, kiu estos la necesa laborlingvo se ne la jam preta simpla fleksebla kaj belsona Esperanto ?

J. MANCEAU.



# Kulturdomo Grezijono

**PROGRAMME 1968**

## VACANCES DE PAQUES

(Arrivée : **4 avril** — Départ : **11 avril**)

## 6e Semaine Culturelle

organisée par l'Union Française pour l'Espéranto sous la direction de M. Boyet, Président du G.E.E.

**PROGRAMME** : Initiation pédagogique à l'enseignement et application culturelle de la langue. Etude de textes. Conférences.

**EXCURSION : le 7 Avril**

**De Pâques à fin Juin le Château peut recevoir des groupes même non espérantistes, pour des passages ou des séjours.**

# PROGRAMME D'ÉTÉ

### Première Période

Arrivée : **30 Juin** — Départ : **21 Juillet**

## Etudes Espérantistes

Direction : André RIBOT
**Cours pour débutants ; cours de pratique ; cours supérieur**
**Préparation aux Examens**
**EXCURSIONS possibles** (voir deuxième période)
**Samedi 20 Juillet** : Examens

### Deuxième Période

Arrivée : **22 Juillet** — Départ : **1er Août**
**(possibilité d'arrivée le 21 et de départ le 3)**

## Seminario

organisé par U.E.A. sur le thème : « Formes modernes de travail dans le mouvement espérantiste actuel »

Participation du Dr Ivo Lapenna et d'autres responsables compétents dans les divers domaines d'activité du mouvement espérantiste.

Responsable : D-ro Peter Zlatnar, Rimska 7, LJUBLJANA
**EXCURSIONS : Châteaux de la Loire : 25 francs. Le Mans : 20 francs. - Nantes : 30 francs. - La Flèche : 12 francs. - GRAND RALLYE organisé par la M.C.E.**

### Troisième Période

Arrivée : **4 Août** — Départ : **25 Août**

## Semaines Espérantistes et Culturelles

**Dimanche 4 Août** (21 heures) : « Nous faisons connaissance ».

**Du 5 au 23 Août : chaque jour :**
9 h. 30 - 11 h. 30 : **Cours d'Esperanto** : Cours pour débutants. Cours de pratique. Cours supérieur.
14 h. - 16 h. : Reliure et vannerie.
18 h. : Conversation.
21 heures : causerie, films, chants .
**Samedi 24 Août :**
Examens : Atesto pri Lernado, Atesto pri Supera Lernado, Atesto pri Kapableco, Pedagogia Atesto.
**Les Dimanches 11 et 18 Août seront libres**
**Excursions** : Voir deuxième période

### Quatrième Période

Arrivée : **25 Août** — Départ : **8 Septembre**

## Périodes d'Etudes organisée par U.F.E.

**COURS POUR DEBUTANTS — COURS DE PRATIQUE**
**Chaque jour :**
9 h. à 11 h. : Leçon de grammaire.
11 h. à 12 h. : Conversation.
16 h. à 17 h. 30 : Etude d'un texte.
17 h. 30 à 18 h. 30 : Jeux en Esperanto.
21 heures : Jeux, chants, films, causeries.
**Samedi 7 Septembre : Examens.**
**Excursions** : Voir deuxième période

**DU 8 AU 15 SEPTEMBRE :**
Séjour de repos, si le nombre des intéressés est suffisant
**Il est recommandé de retenir sa chambre à l'avance**

Renseignements et adhésions :

Maison Culturelle Espérantiste
**Château de Grésillon - 49 - BAUGÉ**

---

**N'oubliez pas que « KULTURAJ KAJEROJ » vous tiendra au courant de la vie de Grésillon. — Spécimen contre un timbre poste.**

# LE LIVRE D'UN HOMME DE RAISON

A la page 148 de cet ouvrage, dont l'auteur est Joseph Pascal, nous lisons les lignes ci-dessous qui reflètent notre pensée à tous... et à tous les hommes de raison ! Mais voilà... la raison et le bon sens sont-ils aussi répondus qu'on le croit ?

« Couchant sur mon cahier ces critiques pertinentes, je saisis l'occasion d'en joindre une autre, essentielle. L'Université enseigne des langues vivantes, celles des peuples voisins de la France, mais on parle plus de trente langues en Europe et six mille sur la planète ; la nécessité d'une langue internationale a été mille fois présentée : l'Université française tarde bien à donner cet exemple de civilisation : l'enseignement officiel de l'Espéranto. L'importance de cette innovation égalerait celle de la laïcité selon Jules Ferry et celle des Droits de l'Homme selon les Constituants. L'Espéranto depuis 1887 a vécu, reçu l'approbation formelle des philologues, lutté contre ses dissidents, a tenu et tient ses congrès, a des adhérents fraternels sur toute la terre. Mais « les résultats tellement immenses » que Tolstoï déjà en escomptait, seront ajournés aussi longtemps qu'un gouvernement — un grand comme le nôtre — n'en instituera pas l'étude suivie dans ses écoles. J'espère voir la France donner ce signal. »

# *NE ! NI NE PERDAS NIAN TEMPON !*

Tre ofte okazas, ke la nombro da ĉeestantoj ĉe E. Kurso malaltiĝas ĝis senesperiga cifero ! tiam, la kursgvidanto konkludas : « Mi perdis mian tempon ! Nenio estas farebla pro la nuntempaj cirkonstancoj ! Mi ne plu rekomencos ! ktp, ktp. Tia decido estas tute malprava ; unue, ĉar tiu malaltiĝo de la nombro da partoprenantoj estas konstatebla ĉiufoje. kiam la lernobjekto ne estas deviga instrutemo ; pri tio, povus plendi ankaŭ instruistoj pri stenografio, muziko aŭ io ajn... Poste, la ĵusa okazaĵo pruvas, ke malgraŭ la ŝajno, ni ne perdas nian tempon : Antaŭ nelonge oni sonorigas, mi malfermas mian pordon kaj trovas junan paron, laŭŝajne de mi nekonatan. La edzo sin prezentas : « mi extas X... kiu lernis esperanton kun vi, perkoresponde, antaŭ 18 jaroj. De tiam, mi forlasis la internacian lingvon, sed nun mi volas revigliĝi kaj partopreni denove la E. vivon ; ankaŭ mia edzino volas lerni la lingvon ». Kaj por montri la sincerecon de siaj intencoj, tiu pentanta samideano abonas plurajn gazetojn, aĉetas librojn kaj diskojn kaj promesas veturi Grezijonon, venontan jaron.

Tiel, dum 18 jaroj, la esperanta semo ne mortis, sed nur dormis pro aliaj pli trudaj okupoj. Kredu min, tio okazas pli ofte ol ni supozas. Permesu al mi rakonti ankaŭ tion : Antaŭ kelkaj jaroj, mi hazarde renkontis la Rektoron de iu franca Akademio kaj plej mirige, li ekparolis al mi esperante : « mi komencis lerni vian lingvon antaŭ 50 jaroj, sed pro altnivelaj kaj temporabaj studoj, mi ne povis trovi tempon por daŭrigi, tamen, mi scias, ke esperanto estas tute serioza afero ».

Eĉ se la 30 dekomencaj gelernantoj fariĝos nur 2 ĉe la kursfino ni ne senkuraĝiĝu ; 30 aŭdis pri la ekzisto de nia lingvo kaj ili retrovos ĝin laŭ la hazardoj de la vivo ; ĉu la esensa afero ne estas, ke ili retrovos ĝin ?

D-ro Zamenhof plene pravis ; lia konsilo estu por ni ĉiuj agprincipo :

SEMU KAJ SEMU KONSTANTE !

A. R.

# DES REFUS SIGNIFICATIFS

Je me suis toujours souvenu de cette conversation que j'avais eue à Grésillon, dans le Bureau de la Maison Culturelle, que la plupart d'entre vous connaissent bien ; notre ami Micard,, qui a œuvré pour notre cause, jusqu'à ses derniers moments, me disait un jour : « Depuis plus de 40 ans que je suis espérantiste, nous avons maintes fois demandé au Ministère de l'Education Nationale ou à divers Organismes Officiels la nomination d'une Commission, dont le rôle serait d'examiner sérieusement l'espéranto, en vue de son introduction progressive dans les écoles ou dans la vie pratique. Or, cela, nous n'avons jamais pu l'obtenir ».

Loin d'engendrer le découragement, ces refus sont tout à fait significatifs. Ils constituent même un hommage — indirect, bien sûr ! — rendu à notre langue. Dans les milieux officiels, nul n'ignore les appréciations flatteuses dont l'Espéranto peut s'enorgueillir : Vœu de l'Académie des Sciences, Déclarations de plusieurs membres de l'Académie Française, de Recteurs d'Académies, de Professeurs d'Universités, etc., etc. Chacun sait aussi que l'Espéranto, malgré deux guerres mondiales et toutes les embûches, si généreusement dispensées sur sa route, atteint un haut degré de perfection ; le Professeur Boirac, agrégé de Philosophie et Recteur de l'Académie de Grenoble, n'avait-il pas traduit dans les premières années de ce siècle, la MONADOLOGIE de Leibnitz en espéranto, prouvant ainsi que malgré la simplicité de la langue internationale, il avait trouvé tout le jeu de nuances dont il avait besoin pour traduire cette œuvre philosophique ?

Au contraire, si l'Espéranto n'était qu'un jargon rudimentaire et de facture grossière, avec quel empressement des Commissions auraient été nommées pour le ridiculiser et prouver publiquement son incapacité à jouer un rôle quelconque dans le monde moderne.

Ces refus ou ces silences ont donc une valeur certaine ; on préfère ne pas être obligé de reconnaître les mérites réels de la langue internationale et continuer à chercher, pour des raisons inavouables... ce que le Dr Zamenhof a créé, il y a 80 ans.

A. R.

# RECENZOJ

**MARTA,** rakonto de Eliza Orzeszko, tradukita el la pola lingvo de Dro L. Zamenhof. Eld. Editions Françaises d'Esperanto, Marmande. — 213 paĝa volumo samformata kiel « Hamleto » (ĉe l'sama eldonejo) ; bindita, dek tutpaĝaj ilustraĵoj de l'pola Artisto Marek Rudnicki ; kovrilpaĝo de Any Goudin. Prezo : 15 Frankoj. (43 steloj).

Ĵus aperis romano de Eliza Orzeszko, tradukita de nia Majstro. Jen libro, kiun oni povas rekomendi en plena konfido, kiun neniu legos sen profunda emocio, kiu fluigos pli ol unu larmon. Iafoje, oni havas tenton diri al la aŭtorino : Sufiĉe ! nia koro estas tro premata ; lasu penetri unu radion da lumo, da espero en tian mizeron. Sed tion ne volis la aŭtorino ; ŝi volis skribi historion veran, instrui, konvinki, ne serĉante la facilan intereson de pasiaj aŭ imagaj romanoj. Dezirinde estas ke multaj virinoj ĝin legu, por ke ili ne fariĝu viktimoj, multaj homoj por ke ili ne faru viktimojn. Resume jen la temo : lu virino, fariĝinte vidvino kun kvarjara knabineto, juna, sana, bela, plena de kuraĝo vane serĉas laboron, ne sukcesas havi laborenspezon sufiĉan por nutri sin mem kaj sian infanon, iom post iom, post alternoj de malespero, de rekuraĝiĝo, post multaj revoj, tiom multe da elreviĝoj, sekvinte longan vojon kalvarian, falas en abismon de mizero sen alia eliro ol la morto. Tiu virino estis sufiĉe, klera, kiel plej multaj junulinoj el la granda mondo, ŝi sciis iom da ĉio, sed nenion ŝi sciis funde, ŝi lernis ĉion « por ornamo aŭ por bagatelaj oportunaĵoj de la vivo, nenion por utileco ; ŝi ne povoscias » ; ŝi havas nenian kapablon specialan, nenian metion. Unue ŝi instruas la francan lingvon ; post unu monato, ŝi devas konfesi, ke ŝi ne estas sufiĉe kapabla ; ŝi devas ankaŭ konfesi, ke ŝi ne konas sufiĉe la muzikon aŭ la desegnon aŭ la altranĉadon ; ĉiam kaj ĉie, oni rifuzas ŝin, ŝi ricevas la saman respondon. Konklude, « en nia socio nur tia virino povas atingi laborenspezon sufiĉan por la vivo kaj asekuri sian sorton kontraŭ grandaj suferoj kaj mizeroj, kiu posedas altan perfektecon en ia sciado aŭ ian efektivan talenton ».

Marta, se ŝi ne konsentas lasi morti pro malsato sian infanon solan en ĉambreto senmebla, sen fajro, estos devigata akcepti laboron de kudrado tre malmulte pagatan ĉe estroj senkoraj, kiuj ekspluatas la virinojn ŝi devos labori dek horojn ĉiutage en laborejo mallarĝa, sen aera en kiu regas ftizo kaj morto... Aliaj virinoj tamen vivas en lukso, nur ĉar ili estas belaj. Marta estas bela sed ŝi tremas de honto aŭskultante malhonestan proponon, nur pensante al tia falo. Ŝi restos fidela al la devo, ŝi akceptos ĉiujn humiligojn, ŝi petos almozon... Kiam en la ĉambreto, ŝia infano mortiĝos pro manko da medikamentoj, ŝi ŝtelos en unu minuto de frenezo kaj unu minuton poste, ŝi ĵetos sin sub la radoj de veturilo...

La leganto trovos en tiu romano ne nur scenojn tuŝantajn, pledon elokventan por la virinoj sed ankaŭ ĝustajn konsiderojn pri la konduto de la viroj, pri la nejustaĵoj sociaj, pri la nejusteco de la leĝoj, de la moroj, de la opinioj. Pri la traduko, mi diros nur, ke ĝi plene komprenigas kiel meritita estas la granda literatura reputacio de Eliza Orzeszko.

C. AYMONIER.

(Recenza teksto verkita de l' f·ma Prof. C. Aymonier, kiam en 1910 unuafoje aperis MARTA).

**OKULOJ,** de Marjorie Boulton — Eldonis J. Régulo, La Laguna en la kolekto « Beletraj Kajeroj » (nº 28a) — 177 paĝoj — Kovrilo de Jan Schaap Jr — Prezo : 9 F. (+ sendkostoj).

Per la OKULOJ de M. Boulton, ni eniras en diversajn mediojn, kie ni renkontas dramojn, ĝojojn, ktp... La noveloj, kiujn oni trovas en tiu volumo estas tre malsamaj laŭ la etoso ; ni kontaktiĝas ĉi tie kun la speciala dirmanerio de M. Boulton. Ŝi kuntrenas nin en nekutimajn travivaĵojn, tamen tre interesajn ; iuj noveloj estas kvazaŭ juveloj. Skribante tion, mi memoras pli precize la duan rakonton « Ebrivirgeco », la sepan « Venĝo-Komitato » kaj la dektrian kaj lastan « Interne kaj Ekstere ».

Sed estas tre malfacile skribi pli speciale pri unu aŭ alia novelo. Oni povas nur diri, ke la OKULOJ de Marjorie Boulton scias rigardi, kaj poste, ŝia talento scias rakonti, tion kion ili vidis.

Fine, vi sciu ke tiu libro estas eldonita je nur mil ekzempleroj. Do, vi estu inter tiu milo da personoj, kiu estos ĝuinta la elstaran stilon de nia mirinda rakontistino angla.

Jack A. ROUSSEAU.

**HUNGARIO SUR BILDOJ.** Bildalbumo pri Hungario, kies antaŭparolon verkis D-ro Erno Mihalypi. Eld. Corvina en Budapest, kiu jam liveris ŝatindajn verkojn. Luksa prezento sur glaciumita papero de ĉ. 150 tre bonkvalitaj fotoj, el kiuj kelkaj estas koloraj.

En la antaŭparolo, ni ekscias, ke la celo de tiu albumo estas montri la nuntempan Hungarion, ne nur historian, monumentan kaj artan, sed la vigle vivantan Hungarlandon en ĝiaj diversaj aspektoj kaj kun ĝiaj multspecaj valoraĵoj.

Kelkaj legantoj eble bedaŭros, ke oni ne apartigis tiujn fotojn laŭteme sed el tiu diverseco kaj ŝajna malordo, eliĝas speciala ĉarmo kaj fine la foliumado de tiu albumo estas agrabla antaŭleciono por tiu, kiu volas konatiĝi kun tiu mezeŭropa lando aŭ ĝin viziti.

Nur eta riproĉo : la legendoj de la bildoj estas troveblaj ĉe la fino de la albumo ; tio estas nepraktika. Ne detruante la belecon de la fotoj, oni povis ja indiki la klarigtekstojn en eta kartuŝo.

**ESPERANTO - ENGLISH DICTIONARY** de Montagu BUTLER, Member of the Academy of Esperanto, Member of the Lingva Komitato (1918-1949), published by the British Esperanto Association 140 Holland Park Avenue London W. 11 — 1967 — 450 p. bindita — Prezo 25 ŝilingoj (50 steloj : 16.50.

Tiu nova granda vortaro estas bazita sur la Plena Vortaro kaj ĝi estas tre moderna kaj ĝisdata. Multaj sciencaj vortoj estas tie troveblaj, ĉefe zoologiaj kaj botanikaj. Tamen, la ekzemploj restas tute klasikaj kaj Zamenhofaj. Ekzemple, oni skribas : Galanto (neĝborulo, Z), snowdrop (Galanthus) - Galerido (tufalaŭdo), crested lark (Galerida).

Je la vorto Kadenco, Butler ne timas eniri en teknikajn detalojn. Entute, la vortaro estas sufiĉe ampleksa por kontentigi la plej postulemajn anglajn legantojn. Notu, ke mi skribis « anglajn ». Tio signifas, ke kelfoje la difinoj de la vortoj estas tro anglaj aŭ tro anglismaj. Kiam oni komparas kelkajn difinojn kun tiuj de la Plena Vortaro, oni miras pri diferencoj :

flakono = flagon, LARGE glass vessel...

flakono (Plena Vortaro) botelETo por parfumoj, ktp.

sed tiuj estas bagateloj facile korekteblaj ĉar ili estas malmultaj. Mi ege gratulas Butler, kiam li reviviga mortintajn vortojn (desaponti) aŭ kiam li enmetas kelkajn amuzajn neologismojn, kiuj estas devenintaj de la angla lingvo. Mi kun plezuro legis la vorton « Hekli », kiu signifas « bruege pridemandi politikiston » kaj kiu estas tre taŭga laŭ mia opinio. Oni certe ne devas ripoĉi al la aŭtoro la fakton, ke li estas angla kaj parolas lingvon, kiu « spredas » aŭ disetendas sian influon sur la tutan mondon dank'al propraj al si ecoj kaj eblecoj. Esperanto, laŭ la 15a regulo de la Fundamento povas tre facile proprigi al si ĉiujn vortojn aŭ esprimoj fremdajn, kiam estas necese.

Ĉu vi riproĉus al Sovetanoj, ke ili lanĉas (angla-franca vorto) Sputnikojn (rusa vorto) ?

Do ni akceptu « hekli », kiu agrable « tiklas » niajn orelojn kaj kiu povas sendanĝere enkorpiĝi en la lingvon. Tiun riĉan vortaron eĉ la eksteranglaj legos kun granda profito. Samideane dankon, Sinjoro Butler !

Robert MARTIN.

# Someraj Renkontoj en Esperantujo

— Interŝanĝa migra Tendaro Ĉeka-Franca : Interŝanĝo de ĉ. 50 geknaboj 12-16 jaraj kaj 8 plenkreskuloj estas planita por pasigi du semajnojn en ambaŭ landoj ; informoj : S-ro René Lavallée, 63, av. Carnot, 33 - - Bordeaux-Cauderan.

— Internaciaj Kulturaj Ferioj en Jugoslavio : Inter la 1-a de Junio kaj la 15a de septembro en la sekvantaj urboj : Bled, Dubrovnik, Porce, Primosten, Rovinj, Jabljak. Informoj : IOE-Turisma Fako, Postfako 213 Zagreb 2.

— Internaciaj Feriaj Kursoj en Helsingor (Danlando) — Kiel ĉiujare, s-ro Friis organizas allogan programon por tiuj feriaj Esperanto-Kursoj, fonditaj en 1932 kaj konstante plibonigitaj. Senpagaj prospektoj haveblaj ĉe s-ro Friis, Ingemannsvej 9 - 8230 Danlando. Helsingor.

— 24a Internacia Junulara Kongreso de TEJO (27 jul. - 3 Aug.) en Tarragono (Hispanujo). Informoj : S-ro Salvador Aragay Str. Arce 8.2.4. Cornella (Barcelono).

— Teknika Konferenco por E. Inĝenieroj okazonta en majo en Budapest. Informoj : Hungara E. Asocio : Kenyermezo ul. 6 - Budapest VIII.

— 6-a Markola Kongreso okazonta en St Mary's Bay (Kent) Britujo dum la Paskaj ferioj. Informoj de s-ro Hawker, 66 Black Bull Rd Folkestone Kent.

— 8-a Internacia Turista Koncentrado de Fervojistoj, 9-15 junio en Aywaille Remouchamps (Belgujo). Informoj : S-ro Pol Denoel, prezidanto de la Lieĝa E. Grupo, 20, rue Victor-Raskin, Liège.

— 13-a Internacia Junulara Kunveno (6-13 Apr.) en Aachen (Germanujo) sub la temo : « Eŭropa muzikas ». Informoj : S-ro Behrmann 4972 Lôhne-Obernbeck (Germanujo).

— Internacia Esperanto Somero en Piestany (Ĉekoslovakujo), 7-20 Jul. Informoj : Esperanto Rondeto en Chirana, Piestany (Ĉek.).

— Esperanto Unuiĝo de Germanaj Instruistoj preparas internacian kunvenon en Sonnenberg (Harzmontaro) (20-29 Sep.). Informojn : S-ro Helmut Sonnabend, 3161 Dolbergen über Lehrte (Germanujo).

— 39-a Itala Kongreso de Esperanto en Montecatini Terme (11-16 Apr.). Informoj : Ente Provinciale per il turismo, Corso Cramsci 110 Pistoia (Italujo).

**GEPATRA BULTENO.** Sub tiu titolo venas al ni tro malofte sed ĉiam plezure la allogaspekta « Bulteno por la gepatroj, kiuj uzas E° en la familia vivo ». Ĉi estas ligilo inter la familioj kaj ĉiu numero enhavas leterojn, per kiuj la familioj povas interŝanĝi ideojn kaj spertojn ; ankaŭ rakontojn kaj kantojn por familia uzo.

Sed, vere hontinde estas, ke nur en kvin francajn familiojn iras tiu Bulteno, kiu aperas sub la aŭspicioj de U.E.A. al kiu estas sendenda la jarabono : 5 francaj frankoj. Tiu celtrafe aperigata Bulteno certe meritas pli grandan legantaron !

## IRLANDO

La aperigon de nova faldfolio ni ĝenerale anoncas nur per du aŭ trilinia rimarko, sed tiu, kiun sukcesis eldonigi niaj irlandaj amikoj meritas specialan atenton. Ornamita per belaj kolorbildoj, ĝi promenigas tra la ĉefaj urboj de Irlando : Dublin, moderna urbo, Glencer. Connemara, Limerick, historia urbo... kaj fine de ĝia legado, venas al via spirito tiu ekpenso : « Kial ne veturi Irlandon por ferii ? ». — Nu, tio povas facile fariĝi realaĵo, tiom pli, ke post kelkaj monatoj, ekzistos rekta linio inter Francujo kaj Irlando.

# INSTRUAJ DISTRAĴOJ

## SOLVOJ DE LA ANTAŬE PROPONITAJ LUDOJ

15 — Nokto, erpas, ŝafo, onklo, verda, urso, lundo, aglo, nigra, akso, zebro, ondo, nordo, esti, nazo, flava, reto, estro, mardo, dorno, akvo, nukso, vintro, arĉo, zinko, orfo, neĝo; per la unua litero de ĉiu vorto, vi formas la frazon : Ne ŝovu la nazon en fremdan vazon.

16 — La Vortaro.

17 — genro, greno, negro, regno.

18 — *Krucvortoj* :
Horizontale : Bjalistok — Rakontist — Anunciaci — Vir — Erlim — Iĉaln — Ila — Sat — Saga — Irej — Rito Mockba — on — Ejo — Akiri.
Vertikale : Bravisime — janiĉaroj — akurateco — lon — jkincens — ba — stir — arak — oscilator — ktima — oni.

## ĈI MONATE, NI PROPONAS AL VI LA JENAJN ENIGMOJN :

19 — *DIVENAĴOJ* :

a) Kio estas senkrura, senbraka, senkapa, senkorpa kaj tamen, plej fortika ?
b) Enirante, mi estas orkolora, elirante, blanka ; kiel mi nomiĝas ?
c) Mi posedas ĉapelon kaj neniun kapon ; piedon kaj neniun ŝuon ; kiu mi estas ?
d) Skribu « sekigita herbo » nur per kvin literoj.
e) Mia koloro estas flava ; tamen, oni nomas min blanka. Kiu mi estas ?
f) Mi neniam unuavice, sed ĉiam duavice ; ĉu vi konas min ?

20 — *KAŜITA PROVERBO* :

Laŭ la sekvantaj difinoj, trovu 18 vortojn ; la plimulto estas sesliteraj, sed okaze kelkaj estas 4, aŭ 5 aŭ 7 — literaj. Kia ajn estas la liternombro, vi devos depreni el ĉiu vorto la 3-an kaj la 4-an literojn laŭ la sama ordo de la vortoj. Ĉi tiuj literoj konsistigos la trovotan proverbon :

1) analoga, sama ; 2) senloĝanta regiono ; 3) manĝebla flava radiko · 4) flava nimfeo ; 5) manĝebla fiŝo ; 6) Eksenkonsciiĝo ; 7) kriminalaj tribunaloj ; 8) senbrue, nerimarkite paŝi ; 9) antaŭsciigi, avizi ; 10) deveno, origino ; 11) malvigleco, indiferenteco ; 12) larĝa strato ; 13) portebla fotoaparato ; 14) ornamaj nodoj ; 15) elkovito, naskito ; 16) afable konsenti ; 17) volonte defianta ; 18) malvigleco de la organoj.

21 — Trovu dufoje 2 sesliterajn vortojn, konsistantaj el samaj literoj malsame vicigitaj, kaj laŭ la jenaj difinoj :

a) A/ Diablo — B/ Malgranda korniko.
b) A/ Hispanrasa ŝafo — B/ Longa, mallarĝa leda strio.

(J. SALASC).

22 — *SILABA KVADRATO* :

Enigmo
De hebrea pastro
Dono kiel amikecomaĝo

(J. SALASC).

## KRUCVORTA ENIGMO



*Horizontale.* — I. Senvokala zono ; Leona ŝirilo (R). — II. Sankta ĉapelo. — III. Nek antaŭe, nek poste ; Parto de participo. — IV. Fama franca aŭtoro (16a j). — V. Meze de la kerno ; Parto de arto. — VI. Senkolera. — VII. Rusa antaŭnomo ; Tri nomfinoj. — VIII. Esperanta kaj greka litero ; Butoni (R).

*Vertikale.* — 1. Ŝtofornami (R). — 2. Nombra adjektivo ; Faro. — 3. Infloresko, kun floroj sur pedunkloj. — 4. Kaldea urbo, kie Abrahamo naskiĝis ; Neĝusta. — 5. Rifuzo ; Mo ilin apartigas. — 6. Fama pentristo (esperantigita ortografio) ; Tempunuo. — 7. Forpreni (R) ; ĉe la komenciĝo de oazo. — 8. Esperanta litero ; Divido de poemo (R).

Rimarko : Solvinte tiun enigmon, vi povos legi la nomon de treege fama Esperantisto ; pri kiu temas ?

# ĈU VI SCIAS KE ?

— Ĉeka Instruistino, kiu povas paroli france, sed ankoraŭ ne esperante deziras gastigi Franc(in)on en sia lando, kondiĉe de samlonga senpaga restado en Parizo, venontan someron. Sin turni al Prof. Vladimir VURM. Dudelska 42, ĈESKE BUDEJOVICE, Ĉekoslovakio. — Estus bone, ke dank'al la afableco de francaj samideanoj, tiu instruistino povu konstati, kiel utila estas nia lingvo por proksimigi la homojn !

— Nîmes, Montpellier, Montélimar, Perpignan, Tours, Avignon, Le Mont-Dore, Alès, Bordeaux, Grenoble, Gray, Vienne, Bourges vidis aŭ baldaŭ vidos la Ekspozicion LE LIVRE ESPERANTO. — Kion do atendas via Grupo ? Informojn sendas : S-ro LENTAIGNE, 3, avenue de la Gaillarde, MONTPELLIER.

— La revuo HOMO KAJ KOSMO daŭrigas sian aperadon ? Bele prezentita kaj klare redaktita gazeto, en kiu vi trovas regule informojn pri Primosten, la esperanta Kampadejo ĉe la dalmacia marbordo. Krome, popol-sciencaj artikoloj kaj instruaj konkursoj. Abono : 6 Fr. 50 pojare al P. JAYER, Chemin de Baza, 07 - AUBENAS. Poŝtkonto 956-85.

— S-ro Toomas ERNE, Noudmiseni, TALLIN I (Estonio) U.R.S.S. estas 30-jara fraŭlo, kiu deziras korespondi kun ĉiuj landoj ; li interesiĝas pri poŝtmarkoj, kinarto, internaciaj revuoj kaj muzikdiskoj.

— La Esperanto-Klubo de HAVLICKUV BROD (Ĉekoslovakujo) intencas organizi ekspozicion de propagandiloj kaj prospektoj esperantlingvaj por montri la praktikan uzeblecon de nia lingvo al la neesperantista publiko ; tiuj el vi, kiuj povas disponi pri kelkaj el tiuj presaĵoj bonvolu sendi ilin rekte al tiu Klubo.

— La BELGA ESPERANTO-FEDERACIO organizas internacian karavanon al la 53-a Universala Kongreso en Madrid. Per aŭtoĉaro el Bruĝo, laŭ Bruselo ĝi travojaĝos Francujon sen preterpasi multajn vidindaĵojn laŭvoje. Lasta tranokto antaŭ ol transiri la landlimon kun Hispanujo okazas en Carcassonne. Tiam laŭ Barcelona, Zaragoza al Madrid. Post la kongreso suden al Granada, Malaga kaj Sevilla. Reveno laŭ Merida, Salamanca, Alta Mira kaj San Sebastian por denove travojaĝi Francujon ĝis Bruselo kaj Bruĝo.

Foriro la 28-7-1968 (dimanĉo) Reveno : 18-8-1968 (dimanĉo). Ĝi estos unika karavano ĉar jam nun ni garantias ĝian internaciecon : aliĝis jam nederlandlingvanoj, franclingvanoj kaj angloj !

Granda avantaĝo : dum la tuta kongresa semajno ni disponos pri nia komforta aŭtoĉaro.

*Informoj* : MAERTENS G., Pr. Leopoldstraat 51, Sint Kruis, Belgujo.

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie Coconnier

Le Gérant : A. BOURDEAUX.